# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

decembro 2007
n-ro 97




★ **Lucija Borčić finpretigis manuskripton de Granda Esperanta-Kroata Vortaro kaj Granda Kroata-Esperanta Vortaro**

★ **Rijeka festis 100 jarojn de sia unua Esperanto-organizaĵo**

★ **Prezidento Stjepan Mesić - la Alta Protektanto de la 100-jara jubileo de Esperanto en Kroatio 2008**

★ **SEK brile festis sian duonjarcentan ekziston**

# Karaj legantoj!

Ni havas por vi tre gravan novaĵon. La plej gravan novaĵon en la kroata Esperantujo ekde Mavro Špicer kaj Danica Bedeković: **Lucija Borčić** finpretigis la manuskriptojn de du Esperantaj vortaroj por kroatlingvanoj: **Granda Esperanta-Kroata Vortaro** kaj **Granda Kroata-Esperanta Vortaro.** Kiam ni publikigos ilin, la kroata lingvo staros egalnivele, ŝultro ĉe ŝultro, kun la lingvoj kiaj estas la germana aŭ la itala kiuj tian Esperanto-nacilingvan enciklopedian vortaron jam havas. **Lucija Borčić** apudigis la trezoron de la kroata lingvo kun la trezoro de Esperanto, honorigante ilin ambaŭ. Ni, la uzantoj de la lingvo, dankoplenaj estu je la nivelo de tiu senkompara laborego, kiun ŝi sindone faris dum la lastaj jaroj.

Pli belan donacon al la centa jubileo de Esperanto en Kroatio apenaŭ eblus fari.

En la lastaj semajnoj de la jaro 2007 ni celebris en Rijeka la centan jubileon ekde la apero de la unua Esperanto-societo en Rijeka. Ĝuste en Rijeka okazis la fondiĝo de **Adriatika Ligo Esperantisto** en 1907 de kiu Esperanto la unuan fojon ekvivis en Rijeka kaj en Kroatio. Pri la digna festo la 17-an de novembro 2007 en Rijeka, kun multaj gastoj, legu apartan raporton.

En decembro Zagrebo festis alian Esperantan jubileon: tie antaŭ 50 jaroj, en 1957, estis fondita **Studenta Esperanto-Klubo - SEK** kun **Vjekoslav Morankić** kiel la unua prezidanto. Tiu eta klubo edukis pri Esperanto milojn da gejnuloj dum kvin jardekoj. Ĝuste ĝi kreskigis la plej malnovan zagreban teatran festivalon **Pupteatra Internacia Festivalo – PIF**, (de post 1968). El SEK evoluis unu el zagrebaj kulturcentroj, **Internacia Kultura Servo**, kiu agas ekde **1972.** Okaze de la 50-a jubileo de SEK zagrebaj studentoj, nunaj kaj iamaj, festis dum tri tagoj kun siaj gastoj de la 8-a ĝis la 10-a de decembro. Dum tri tagoj tricent personoj observis la programojn de la festo de **SEK**.

Studentoj portis Esperanton al la ĉefa zagreba placo, al la **placo de banuso Jelačić**, invitante sur la subĉielan scenejon la faman Esperanto-kanzoniston el Francio, **Jomon**, kantanta en 22 lingvoj. Jomo estis interesa ankaŭ por la kroata TV por elsendo **Bonan matenon, Kroatio** la 10-an de decembro 2007.

**Zagreba Esperanto-Ligo** entreprenis paŝojn por sia revivigo. La renovigan kunvenon preparis la 12-an de decembro **Radenko Milošević**. La asocio renaskiĝis sub la nomo Unuiĝo de Zagrebaj Esperantistoj - UZE.

Nova bele ilustrita kolora Esperanta revuo el Kroatio **Zagreba Esperantisto** eldonata en **Đurđevac** finis en 2007 sian unuan jarkolekton. Ni deziras al ĝi longan vivon.

Antaŭ cent jaroj la jaro 1908 estis la mejloŝtona jaro por Esperanto en tuta Kroatio. Tiam ekĝermis la kroata Esperanto-Movado kaj okazis la aktivecoj el kiuj formiĝis la unua tutkroatia asocio **Društvo hrvatskih esperantista / Unuiĝo de kroataj esperantistoj.** (La dokumento pri la fondiĝo portas la daton la 2-an de januaro 1909.)

La jaro 2008 estas la jaro de nia granda kroata Esperanta jubileo: Prezidento de Respubliko Kroatio **Stjepan Mesić** akceptis esti la Alta Protektanto de la solenaĵo. (Sur la foto kun **Radenko Milošević**, la prezidanto de Organiza Komitato pri la centa jubileo ).



Ni planas festi nian jubilean jaron per pluraj programeroj dum la tuta jaro: en januaro **Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj** planas lanĉi sian gravan brajlan eldonaĵon **Vortaron 10.000 vortoj** brajle. (La vortaron de Gruić-Klobučar-Kocian-Pleadin). Por lundo la 26-an de majo 2008 ni petis ke la urbo Zagrebo disponigu al ni **Koncertejon Vatroslav Lisinski** por tie okazigi nian grandan kulturan feston, ligitan ne nur al la centa jubileo sed ankaŭ al la jaro 2008 – la jaro de eŭropa interkultura dialogo kaj la internacia jaro de lingvoj, kiel proklamis ĝin UN. Ni atendas la decidon de la urbo Zagrebo ĉu ni povos havi la grandan koncertejon por nia granda festo. Se la respondo estos jesa, ni bezonos helpon de vi ĉiuj por plenigi la ejon per Esperanta kulturo kaj Esperanta muziko. Tiun programon estros en 2008 **Judita Rey-Hudeček.**

En julio karavano direktiĝos al Roterdamo, kie ni festos **cent jarojn de Universala Esperanto-Asocio** (19-26 julio 2008), kiu samaĝas kiel la unua organizata tutkroatia Esperanto-Asocio.

**KUNE, Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj** surŝultrigis tre specialan taskon por 2008: en julio, de la 11-a ĝis la 18-a, en Premantura ĝi gastigos Internacian Kongreson de Blindaj Esperantistoj.

**KEJA** gastigas sian venontjaran **MIROn** en **Duga Resa** de la 2-a ĝis la 9-a de aŭgusto. La dato ligiĝas al **Internacia Junulara Kongreso** en **Szombathely** en Hungario, okazonta de la 26-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto 2008.

En aŭtuno 2008 atendas nin grandaj faroj: simpozio en **Filozofia fakultato**, (7-8a de novembro 2008) prizorgata de **D-ro Velimir Piškorec** sub la titolo **Esperanto kaj la kroata kultura identeco** kun renomaj prelegantoj el Kroatio kaj eksterlando.

La jaron 2008 ni planas fini per aparta jubilea Zamenhof-festo ĉe **Asembleo de Zagrebo** dum kiu kulminu nia jubilea festprogramo de la solena jaro 2008. Ne mankos **filatela koverto** por eternigi la jubilean eventon de nia grava jaro.

Nia eldona agado ne lamu en la jubilea jaro: **Vjetnama Esperanto-Asocio** preparas la **vjetnaman** eldonon de **Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić**.

**Hungara Esperanto-Asocio**, per helpo de KEL, preparas la **hungaran eldonon** de **Zamenhof-Strato** de **Roman Dobrzyński** en traduko de **Nemere István**. **Estona Eldonejo Eesti Raamat** finpreparas la **estonan eldonon** en traduko de **Mall Pärn**. (Cetere, ankaŭ francoj finpretigis sian eldonon de la verko.)

Tre granda traduka laboro okazis en la lastaj monatoj en Zagrebo: **Lucija Borčić** esperantigis **Onklon Maroje** de **Marin Držić** por efektivigi ke ankaŭ Esperanta traduko aperu en la jaro 2008 en granda publikaĵo pri Marin Držić: la verko eldonota de **Someraj Ludoj de Dubrovnik** sub aŭspicio de **Kroata Parlamento** kaj redakata de fama verkisto el Dubrovnik **Luko Paljetak** omaĝos al **Marin Držić** en la **Jaro de Marin Držić 2008**, okaze de la 500-a naskiĝjara jubileo de la granda verkisto el Dubrovnik.

Per riĉa programo ni finas la jaron 2007. Ni iras renkonte al nia jubilea jaro 2008. Tial titolpaĝe sur la foto de **Kaja Farszky** salutas nin zagreba domo ĉe la adreso Ribnjak 50, konstruita en la jaro 1908 – la samtempulo de nia Movada centjarulo.

**Havu feliĉan Kristnaskon kaj bonan jaron 2008, la internacian jaron de lingvoj!**

***S. Štimec***

**Tempo**

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXVI, numero 97 (4/2007), ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Urba oficejo pri klerigo, kulturo kaj sporto, Zagreb. Tempo aperas sone sur kompaktdisko ĉe Kroata Unuiĝo de nevidantaj Esperantistoj. Voĉlegas Spomenka Štimec. **Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, **rete**: esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr - Kontribuis:** Zdravka Barac, Mea Bombardelli, Lucija Borčić, Ivo Borovečki, Zdravka Barac, Boris Di Costanzo, Probal Daŝgupta, Kaja Farzsky, Nives Gajdobranski, Drago Gervais, Danira Grgec, Zlatko Grgec, Tatjana Gromača, Faruk Islamović, Vida Jerman, Vlado Jurković, Histrionski dom, Antun Kovač, Davor Klobučar, Dinko Matković, Radenko Milošević, Vjekoslav Morankić, Oficejo de la Prezidento, Vanja Radovanović, Zvonko Rehorić, Spomenka Štimec, Zlatko Tišljar, Dag Treer, Znamen, Mirjana Žeželj . **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin. **Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR) 1/2 paĝo 500 kn (68 EUR), lasta kovrilpaĝo 2.500 kn (328 EUR). **Abono**: 4 numeroj jare 40 kn (9,5 EUR), unuopa numero 10 kn (1,5 EUR)
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# PRETAS MANUSKRIPTOJ DE GRANDAJ VORTAROJ DE LUCIJA BORČIĆ



*Lucija Borčić okaze de la transdono de la vortara manuskripto al KEL la 10-an de decembro 2007*

*Fotis: Spomenka Štimec*

**Lucija Borčić**, aŭtoro de la plej ampleksa vortaro pri Esperanto en la historio de la kroata lingvo, permesis al ni enrigardi la finpretigitan manuskripton de **Granda Esperanta-Kroata Vortaro**. Ni malfermis ĝin ĉe la vorto **ŝipo** por ricevi ideon pri kia detala vortaro temas. Ankaŭ la manuskripto de **Granda Kroata-Esperanta Vortaro** estas finpretigata.

Kroata Esperanto-Ligo en plej proksima tempo invitos vin al abono de la mejloŝtona verko. KEL ricevis permeson fotokopii la manuskriptojn de la vortaroj kaj entrepreni la paŝojn por efektivigi la eldonon de tiu ĉefverko de la kroata kaj Esperanta lingva kulturo.

Nia membro **Mira Matanović-Manner** lanĉis Fondaĵon por helpi eldoni la vortarojn kaj deponis en ĝin 1.000 kunaojn.

Por ekgustumi tiun netakseble valoran volumon, ni invitas vin *enŝipiĝi*.

**ŜIP/O** 1. (*pom/brod)* brod; plovilo propisane konstrukcije duže od 12 m, sposobno za plovidbu prema svojoj namjeni; *usp.* barko, boato, jaĥto, kanoto, kanuo, pramo; barĝo, floso; 2. svemirski brod = spac-o; **-a** brodski; **-e** brodom, na brodu; **-i** 1. (*ntr*) voziti se brodom; 2. (*ntr*) prevoziti brodom; **-ano** član brodske posade, mornar; **-anaro** posada broda; **-aro** brodovlje, flota; **-estro** kapetan broda; *usp.* kapitano, admiralo; **-eto** brodić, čamac; **-isto** brodar; **-beko** kljun broda; **-ekipisto** prodavač brodske opreme; **-rompi** (*ntr*) doživjeti brodolom; **-rompiĝo** brodolom, havarija; **-rompaĵo** olupina broda; **-servi** (*ntr*) brodariti; služiti, raditi na brodu; **el-ejo** platforma za iskrcaj putnika; **el-igi** iskrcati, istovariti iz broda; **-igo** iskrcaj, istovar iz broda; **el-iĝi** iskrcati se, izići iz broda; **-iĝo** iskrcaj, izlazak iz broda; **en-igi** ukrcati, utovariti u brod; **en-igo** ukrcaj, utovar u brod; **en-iĝi** ukrcati se, ući u brod; **en-iĝo** ukrcaj, ulazak u brod; **per-i** 1. (*tr*) prevoziti brodom; 2. (*ntr*) voziti se brodom; **per-e** brodom; **sur-e** na brodu; **trans-iĝi** prijeći iz broda u brod; **aer-o** dirigirana letjelica; **aviadil-o** nosač zrakoplova; **balen-o** kitolovac; **batal-o** bojni brod, ratni brod; **bordo-o** obalni brod; **cisterno-o** brod cisterna; **drag-o** brod za vadenje mulja; **hospital-o** brod bolnica, brod hitne pomoći; **kaper-o** gusarski brod; **karbo-o, kargo-o** teretni brod; **komerc-o** trgovačkib rod; **kontener-o** brod za prijevoz kontejnera; **kosmo-o** svemirskib rod; **kroz-o** krstarica; **batalkrozo-o** ratna krstarica; **helpa kroz-o** trgovački brod za hitnu pomoć naoružan kao krstarica; **kurier-o** poštanski brod; **lum-o** usidreni brod sa svjetionikom; **plezur-o** jahta, brod za razonodu, sport i turizam; **puŝ-o** teglenica, maona; **rad-o** brod na kotačima za plovidbu rijekama i jezerima; **sklavo-o** (*pov*) brod koji je prevozio robove iz Afrike; **spaco-o** svemirski brod; **submar-o** podmornica; **transport-o** transporter, brod za prijevoz trupa; **trejno-o** školski brod, brod za uvježbavanje nautičara; **tren-o** teglenica, maona = puŝŝipo; **vapor-o** parobrod; **vel-o** jedrenjak, jedrilica.

# VARDOMO *NAMA* KAJ ESPERANTISTO PAUL KASTNER

Vienaj komercistoj **Carl Kastner** kaj **Hermann Öhler** en la dua duono de la 19-a jarcetno vizitis Zagrebon por vastigi sian komercon. Ili loĝis en la plej luksa zagreba hotelo **Al la aŭstria imperiestro**, konstruita komence de Ilica en la jaro 1867. En la jaro 1879 estis malfermita la unua vendejo **Kastner/Öhler** en Ilica je la numero 50. Poste ĝi translokiĝis al Mesnička 1 (1881) kaj al Ilica 16 (1882) kaj ĝi proksimiĝis al sia fina adreso ĉe Ilica 4, kie troviĝis la hotelo **Al la aŭstria imperiestro**. Komence la vardomo **Kastner/Öhler** estis en la luita hotelo sed en la jaro 1889 Kastner kaj lia kunlaboranto fariĝis la domposedantoj. En 1912 la vendejoj transiris ankaŭ al la najbara adreso ĉe Ilica 6. Tiel la hotelo **Al la aŭstria imperiestro** transformiĝis en vardomon.

En la tridekaj jaroj de la 20-a jarcento la domo ricevis trian kaj kvaran etaĝojn kaj imponan fasadon. En la jaro 1937 al la vardomo estis alaĉetita la apuda konstruaĵo de la **Hotelo Grand**.

En la jaro 1945 la posedantoj perdis la rajton je la vardomo pro senpropriga procedo nomata "naciigo". En la jaro 1948 oni viŝis la vardomon el la registro de entreprenoj kaj tranformis ĝin al **Narodni Magazin - Nama.**

La heredanto de **Carl Kastner**, **Paul Kastner** estis esperantisto. Li suferis de pulmomalsano kaj estis kuracata en Svislando. Revene al Zagrebo li animis laboron de esperantistoj, laŭ rakontoj de **Jelena Manojlović**, kiu lernis Esperanton en kursoj iniciatitaj de Paul Kastner. (Li ekspoziciigis internaciajn bildkarojn en la montrofenestro de la vardomo, invitante al la kurso.)

Pri lernado de Esperanto en la plej fama svisa malsanulejo Davos informas nin la romano de Thomas Mann en **La magia monto/Der Zauberberg**. Thomas Mann uzis por sia romano realajn situaciojn. Povus esti ke nia Paul Kastner dum kuracado en Davos ankaŭ servis al Thomas Mann kiel inspiro.

Thomas Mann en la moka tono rakontas pri malsanuloj-esperantistoj. Sed Paul Kastner estis serioza pri Esperanto: li kontaktis Edmond Privat, funde lernis la lingvon kaj estis membro de Lingva Komitato.


IA6

PaulKastner

ESPERANTO

ESPERANTO

U

33 LEKCIJE

SASTAVIO

STANISLAV TOMIĆ.

CIJENA K 12.—

Knjižara i papirnica DRAGUTIN ZAKLINČIĆ ZAGREB, Ilica 48

NAKLADA DRUŠTVA HRVATSKIH ESPERANTISTA. 1919.

Nia biblioteko posedas lernolibron per kiu Paul Kastner lernis kaj kiun li aŭtografis.

***Danira Grgec/Zlatko Grgec***
Laŭ *Monogafio de Nama*
kaj laŭ *Kaj je nekad bilo tu* de Zoran Pleše

# 100 JAROJ DE ESPERANTO EN RIJEKA

Pluraj landoj jam festis sian centjaran jubileon ekde kiam Esperanto ekvivis en ili. Jen centjariĝis ankaŭ la Esperanta komunumo en Kroatio, kie en Rijeka la 28-an de septembro 1907 estis fondita Adriatika Ligo Esperantista. Tial en Rijeka la 17-an de novembro 2007 estis festita la centa jubileo de la unua Esperanto-Societo fondita en Kroatio, en Rijeka en 1907.

La centjarulo Esperanto-Societo Rijeka, kiu estas la jura daŭriganto de la iama societo el 1907, ne estas malforta oldulo, sed respektata societo kun 61 membroj, kun vigla internacia kaj kun estiminda enlanda agado: ĉiujare la esperantistoj el Rijeka partoprenas en la internacia vivo de nia komunumo. Rijeka ja surŝultrigis al si ne malgrandan taskon: ekde 2002 Esperanto-Societo el Rijeka estas la ĉefa organizanto de Renkontiĝo de gelernantoj kun konkurso pri kono de Esperanto. Tiel ĝuste Rijeka havas la plej respektindan programon pri flegado de junularo el inter ĉiuj societoj en Kroatio. Se estus facile tion organizi niaj gelernantoj renkontiĝadus en Osijek aŭ en Varaždin. La gelernantoj iras al Rijeka kaj al Kostrena ĉar tie ekzistas Esperanto-Domo en Kostrena, kiu ebligas disvolviĝon de Esperanto-aktivecoj. Esperanto-Domo estas la posedaĵo de Esperanto-Societo Rijeka ekde 1979. Similan konstruaĵon kun impona teraso rigarde al la maro, ni deziras al ĉiuj 64 Landaj Asocioj de UEA. Tiam ni vere estos respektinda komunumo!




***La marŝantoj kun banderolo "Esperanto" en la ĉefa strato de Rijeka.***

La veran signifon de Rijeka kaj ĝia regiono, ni povus kompreni, se ni scias ke en la regiono de Rijeka siajn radikojn havis la familio Pillepich, kies membro Marija Magdalena el Osijek rolas en la unua Esperanto-adresaro de Zamenhof, kiel montras la lastatempaj esploroj de Davor Klobučar.

La ĝustan dimension de Rijeka ni komprenos kiam ni memoros, ke la unua prezidanto kaj la ĉefa motoro de Studenta Esperanto-Klubo, kies kvindekjariĝon ni festas en 2007 ne estis zagrebano sed - Vjekoslav Morankić, la nuna loĝanto de Rijeka kaj vicprezidanto de la societo en Rijeka kaj unu el la tri aktualaj vicprezidantoj de Kroata Esperanto-Ligo.

La festo de la centjariĝo estis je la nivelo de historio de Esperanto en Rijeka kaj je la nivelo de ĝia nuna pozicio en Kroatio. Malmultaj Esperantaj kluboj en la mondo povas investi preskaŭ 10.000 eŭrojn por sia granda jubileo, kiel faris Rijeka. Boris Di Costanzo, la nuna prezidanto, bedaŭris nek monon nek fantazion. Apartan zorgon la societanoj dediĉis al ekstera informado kaj al artefaktoj kiuj



***La ĉefa organizanto Boris Di Costanzo ĝuas la sukceson en agrabla societo.***

restos en la urbo Rijeka post la festo. Tiusence la agado estis modela: oni dum monatoj luktis por ke Rijeka havu sian Esperanto-Straton, honore al tiuj generacioj der esperantistoj el Rijeka kiuj marŝis sur la stratoj de Rijeka depost la jaro 1907. Fizike tiu starto ne ekfunkciis ĝis la novembra festo ... sed estis faritaj ĉiuj preparoj por ke ĝi en proksima tempo fariĝu la realaĵo.

La festo en Rijeka okazis sub la signo de publika procesio. La esperantistoj marŝis tra la urbo, gvidataj per muzikisto-gurdisto, portante banderolon kun la vorto "Esperanto". La esperantistoj venintaj el kelkaj landoj (Italio, Bosnio kaj Hercegovino, Serbio, Slovenio, Svislando), kun membroj de preskaŭ ĉiuj 13 Esperanto-Societoj en Kroatio: Osijek, Split, Zagreb,(SEK kaj Bude Borjan,) Velika Gorica, KUNE, KFEA; KEJA, UPE (mankis nur Varaždin, Karlovac kaj Slavonski Brod) ekiris de Delta kaj haltis ĉe signifaj punktoj de la publika vivo en Rijeka. La marŝintoj haltis ĉe monumento al pereintoj en la patruja milito, por omaĝi al forpasintoj kaj ĉe la fontano de Kawasaki, donacita de la ĝemela urbo Kawasaki al Rijeka kaj direktiĝis al la domo en la strato Korzo 18, kie pendis la verda flago kaŝanta la imponan ŝtonan omaĝtabulon al la unua sidejo de Esperanto-Societo en Rijeka **Adriatika Ligo Esperantista**. Boris Di Costanzo, malkovrante la tabulon, legis la 37 nomojn de la unuaj membroj, kiuj vizitadis la domon kaj flegis la novnaskitan societon en la aŭtuno de la jaro 1907. Estis kortuŝe aŭdi la nomojn de la unuaj mebroj kaj kompreni la multkulturecon de Rijeka komence de la jarcento, kiun montras la nomoj de la unuaj esperantistoj en Rijeka. Tiuj nomoj estis presitaj sur la filatela poŝtkoverto kiun ni solene lanĉis en Urba legejo de Rijeka kadre de Libroekspozicio pri Esperantaj libroj, kiu okazis dum du semajnoj lige al la Esperanta solenaĵo. En la Legejo okaze de la Monato de libroj okazis du prelegoj pri Esperanta kulturo de Spomenka Štimec kaj Vjekoslav Morankić. Pli ol cent kvindek gastoj kolektiĝis vespere por la solenaĵo en Kroata Kulturdomo en Sušak. Esperanto-Societo el Rijeka luis apartan aŭtobuson por ebligi ke gastoj el Norda Kroatio atingu suden al Rijeka. La urbestro de Rijeka Vojko Obersnel persone dankis al la societo kiu helpis konstrui multlingvecon de Rijeka en la lastaj cent jaroj. Salutoj de E-parlamentanino Margareta Handzlik, de UEA -prezidanto Probal Daŝgupta kaj estrarano pri kulturo Claude Nourmond, de la esperantistoj el la ĝemela urbo Kawasaki, persona ĉeesto de la reprezentanto de ĝemela societo el Triesto Elda Doerfler, multaj amikaj salutoj kaj donacoj...



***La domo en Korzo 18 sen tabulo.***

La banderolo pri la evento urbomeze invitadis al la Esperanto-festo dum semajno antaŭ la solenaĵo kaj multaj loĝantoj de Rijeka venis por informiĝi kio estas Esperanto. La kulturan fenomenon Esperanto artistoj prezentis teatre (aktorino Vida Jerman) kaj kanzone (Georgo Handzlik kaj Neven Mrzlečki, la Koruso Ućka el Matulji). Himnoj, la kroata kaj la Esperanta malferme enkondukis, respektive fermis la feston. Ĝin sekvis koktelo. Ne mankis naskiĝtaga kuko kun granda simbolo de la centjarulo, kiu gardis verdan stelon sub la simbola turo de Rijeka dum plena jarcento.

Ĵurnalistoj abunde raportis pri la kultura centjarulo. Estas digne esti esperantisto kun dokumentita centjara historio: Turisma Asocio de la urbo eldonis 16-paĝan Esperantlingvan broŝuron pri Rijeka. La programojn de la festo finance ebligis Departamento Primorsko-goranska kaj Urbo Rijeka kaj tuta aro da helpemaj entreprenoj kiuj komprenis ke la centa jubileo de Esperanto-Societo en Rijeka estas kultura evento de la urbo Rijeka mem...

Ni foriris el Rijeka kun la sakoj, skribiloj kaj ceramikaj kruĉetoj kiuj helpas informi pri la Esperanta jubileo de Rijeka kaj invitas al tosto.

Rijeka jes festis sian centjariĝon, sed ĝi estis la festo de nia tuta Esperanto-Komunumo. Kaj kiam Georgo Handzlik kantis sian konatan kanzonon *Dankon, sinjoro Ludoviko,* ĝi estis en Rijeka pli ol amuza kanta programero.

*S. Štimec*

*La fotoj de Boris Di Costanzo kaj Spomenka Štimec*




***La tabulo kun membroj de Esperanto-societo Velika Gorica.***

*Drago Gervais:*

# *TRI AVINETOJ*

*Tri avinetoj oldaj*
*Antaŭ la domo staradis*
*Kaj kritikadis:*
*Kanjon, Bepinon kaj Helon,*
*Metis sub langomartelon.*
*Unu ke estas tia,*
*La dua tute alia,*
*Ke edzon aspiras unua,*
*Maldiligenta ke estas la dua,*
*La tria forspezas ĉion,*
*La kvara valoras nenion.*
*Eĉ la mondo ke iĝis fripona*
*Kaj antaŭe ĝi estis pli bona.*

*Tri avinetoj oldaj*
*Kritikadis*
*De la oka ĝis tagmezo,*
*Kaj kiam la tagmezo alvenis*
*Unu al hejmo sin trenis.*

*Restis tiam la du*
*Kaj ŝin kritikadis plu.*

Tradukis el la ĉakava dialekto: Zvonko Rehorić

## VODNIKOVA 9 – NIA ESTONTA EJO

Stato de financa helpo en decembro 2007:

| | |
|---|---|
| 338. Blanka Pavlović- Devčić | 20,52 eŭrojn |
| 339. Dinka Šimunić | 6,84 eŭrojn |
| 340. Damir Mikuličić | 136,80 eŭrojn |
| 341. Slobodan Ostojić | 6,84 eŭrojn |
| 342. Sava Matetić-Lučić | 30,00 eŭrojn |
| 343. Vesna Staničić-Burchards | 50,00 eŭrojn |
| 345. Marija Repac | 10,26 eŭrojn |
| 346. Branko Repac | 10,26 eŭrojn |
| 347. Danira Grgec | 13,68 eŭrojn |
| 348. Bojana Đuričić | 13,68 eŭrojn |

Post oktobro 2007 kolektite **298,88 eŭrojn**.

Kolektite ekde la jaro 2003 entute **15.800,88 eŭrojn**.

Nia granda kredito en decembro 2007 reduktiĝis al la ŝuldo de 35.637,09 eŭroj.

# HAVI 50 JAROJN KAJ ESTI JUNA: STUDENTA ESPERANTO-KLUBO ZAGREBO 1957-2007



*Diversaj generacioj de SEK-anoj. Fotis: Vanja Radovanović.*

## Kiel estis fondita Studenta Esperanto-Klubo?

Ekde apero de la Internacia Lingvo studentoj ĉiam estis en la unuaj batalvicoj por disvastigo de Esperanto. Inter la du mondmilitoj, kiam nia movado ankaŭ estis forta kaj socie matura ekestis nia unua studenta klubo en Zagrebo. Ĝi estis fondita en la jaro 1929 sub la nomo Studenta Esperanto-Klubo, sed poste aktivis kiel Akademia Esperanto-Klubo gvidita de Ivo Lapenna kaj Ivo Godek. Ekde sia fondiĝo ĝis antaŭ la dua mondmilito la klubo kreis sennombrajn esperantistojn inter studentoj kiuj poste transprenis gravan rolon en nia Esperanto-movado.

La dua mondmilito estis terura por ĉiuj homoj, por ĉiuj sociaj tavoloj, respektive ankaŭ por esperantistoj. Oni ne devas akcenti la fakton, ke esperantistoj preskaŭ cent procente estis en la vicoj de kontraŭfaŝistoj. Multaj partoprenis naciliberigan kaj kontraufaŝisman militon kaj donis sian vivon por libereco kaj nova, pli justa sociordo.

Post la dua mondmilito dum longa tempo ne estis organizita (refondita) nova studenta Esperanto-klubo. Sed tio ne signifas, ke studentoj ne aktivis. Ili donis ankaŭ grandan kontribuon en nia postmilita Esperanta movado. Sed organizaj formoj estis diversaj. Studentoj aktivadis en laŭleĝe fondita Kroatia Esperanto-Ligo (1945) kaj ties filio Esperanto-Societo *Bude Borjan*. (1945).

Post la dua mondmilito en la kvindekaj jaroj la cirkostancoj estis maturaj por fondi apartan studentan klubon (apud jam konata *Bude Borjan*). Studenta Esperanto- Klubo estus fondita jaron pli frue aŭ jaron poste. Studentoj-esperantistoj aktiviĝintaj sine de *Bude Borjan* studis en diversaj fakultatoj kaj jam tiu fakto montris, ke la situaco estis matura por fondo de studenta klubo. Favora estis la fakto, ke dum la kvindekaj jaroj Esperanto estis instruata ĉe Ekonomia fakultato en Zagrebo kiel nedeviga fremda lingvo. Ĝi estis enskribita kiel elektita studobjekto en Indeks-libreto kaj studentoj ricevadis notojn por sukcesa ekzameniĝo pri Esperanto. Ankaŭ mi estis unu el tiuj sukcesintoj kun noto 5 (bonega). Averaĝe 20 ĝis 30 studentoj elektadis la lingvon kiun en 1956 instruis Fran Janjić. Danke al tiu fakto ĉe Ekonomia fakultato plinombriĝis adeptoj de nia lingvo. Unue aperis ideo, ke la studentoj esperantistoj fondu studentan Esperanto-klubon ĉe la Ekonomia fakultato, sed poste venis proponoj, ke kun la studentoj el *Bude Borjan* oni fondu Studentan Esperanto-Klubon en kiu aktivos studentoj de ĉiuj fakultatoj de la Zagreba Universitato. Kaj tiel okazis: Studenta Esperanto-Klubo fondiĝis en la jaro 1957.

Paroli pri 50-jara laboro de SEK estas vere malfacile. Kiel resumi la laboron de 50 jaroj en iu parolado, referaĵo aŭ rememoraĵo?

En 1957 SEK estis fondita en la kadro de Studenta Unuiĝo de la Zagreba Universitato kaj Kroatia Esperanto-Ligo kaj tiamaniere la klubo ekde la komenco sian laboron kunordigis kun la celoj de la Studenta Unuiĝo kaj *Savez narodne omladine Hrvatske*.

En la komenca jaro oni organizis regulajn kunvenojn, amuzvesperojn kaj prelegojn. Estis faritaj unuaj kontaktoj kun studentoj el Beogrado, Kopenhago kaj Studenta Tutmonda Esperantista Ligo (STELO). Oni faris la unuajn paŝojn pri Drama sekcio. Estis preparata prezentaĵo (dramo) *La Mondo ne havas Atendejon* de Mauritz Dekker. (La verko okupiĝas pri la danĝero de la uzado de nuklea energio). Nia membro kaj sekretario Ivo Osibov tradukis la verkon el Esperanto. Sed ĝi nek estis preparita de nia Drama sekcio nek estis prezentita en kroataj teatroj.

En la sekva jaro 1958 estis organizitaj kursoj por komencantoj kaj por progresintoj. Regule okazadis klubaj kunvenoj kaj enlandaj kaj eksterlandaj renkontiĝoj. La Drama sekcio laboris intense. Estis preparitaj prezentaĵo *Internacia kiso* en kiu aktoris Božena Žinko (poste Čačković), Vjekoslav Morankić, Zora Han (poste Žic) kaj Dragan Barac. Oni preparis ankaŭ korusan recitaĵon de *Kavo* de Ivan Goran Kovačić kun muzika gitarakompano.

Dum la 2-a Jugoslavia Festivalo de Esperanta Kulturo okazinta somere en la jaro 1958 en Rijeka kaj Opatija, ni partoprenis en la programo per tiuj du cititaj prezentaĵoj. La sukceso estis granda.

En la jaro 1959 la gvidadon de la Drama sekcio transprenis nia elstara kroata aktoro Mladen Šerment kaj ekde tiam komenciĝis la oraj tempoj de amatora teatro de Studenta Esperanto-Klubo Zagrebo. Oni taksas, ke dum 14 internaciaj prezentaĵoj estis pli ol 3000 spektantoj el pli ol 50 landoj. La Drama sekcio gastis eksterlande en Passau (Germanio), Vraca (Bulgario), Amsterdam (Nederlando), Pécs (Hungario), Innsbrück (Aŭstrio).

Klare, ke en la klubo estis organizitaj sennombraj kursoj. Ĉiujare aperadis novaj aktivuloj. La aktivado estadis ĉiujare pli intensa kaj pli grava. En tiuj cirkonstancoj aperis la ideo profesiigi parton de la Esparanta aktivado (ĉu por Esperanto aŭ per Esperanto). Dank' al Zlatko Tišljar kaj kelkaj entuziasmuloj dum la sepdekaj jaroj naskiĝis profesia teamo en la entrepreno Internacia Kultura Servo.

***Vjekoslav Morankić***

(resumo de la prelego prezentita en *Europski dom* la 10-an de decembro 2007 okaze de la 50-a jubileo de SEK)

# ZAGREBO 2007 PLASTIKARTE

## APOKSIOMEN



Multaj ekspozicioj vivigis la kulturan vivon de Zagrebo en 2007. Sed eble la plej granda kultura evento en la kampo de plastikarto estas la starigo de la statuo de Apoksiomen en Arkeologia muzeo de Zagrebo. Apoksiomen estas fascina bronza skulptaĵo kiun en la akvoprofundoj proksime de la insulo Lošinj malkovris belga turisto dum plonĝado. Li estis tiom klera kaj honesta ke li alarmis belgan ambasadejon kaj Ministerion pri kulturo. Post nekredebla sav-agado de la nekonata homforma objekto aperis elsub la tavoloj de jarcentoj Apoksiomen, la luktanto, kiu estis skulptita antaŭ du mil jaroj en malnova Greklando, en la momento kiam li, per specialo ilo, de kiu li ricevis sian nomon, forskrapas oleon de sia batalpreta korpo. La antikva ĉefverko estis eltirita el la maro kaj per longaj kaj komplikaj procedoj purigita de konkoj kaj algoj kaj elmetita al la okuloj de la nuna publiko. Li havas en la mondo du similajn fratajn skulptaĵojn. La kroata Apoksiomen, malmodeste dirite, estas la plej bela, ne nur pro tio ke ĝi dum du jarmiloj kuŝis marprofunde, for de homaj okuloj. Neniu scias kiel la verko atingis marprofundon ĉar ĉirkaŭ ĝi estis neniaj spuroj de ŝippereo. La sablo kaj fruktospuroj el lia truethava piedo helpis difini lian aĝon kaj lian grekan hejmlandon. Lastjare Apoksiomen jam gastis en Florenco en Palaco Medici kie dum kvar monatoj adimiris ĝin plo ol 80.000 spektantoj. Revene la verko ricevis sian ĉambron en Arkeologia muzeo, ornamata per le foto-scenoj de lia savado el la maroj. La loĝantoj de la insulo Lošinj entreprenis la procedon por ke Apoksiomen estu ekspoziciata sur la insulo ĉe kiu la verko estis trovita. Sed ili ankoraŭ ne sukcesis... Apoksiomen devas esti en la adekvata ejo kiu protektas ĝin.

*S. Štimec/Fotis: Zlatko Grgec*




## JOSIP VANIŠTA

En la lastaj monatoj de 2007 aparte elstaris ekspopziciejo Gliptoteka HAZU kiu elmontris (24 nov – 16 dec) ekspozicon *Kunvojaĝaĵoj* de pentristo Josip Vaništa prezentante verkojn el la kroata kaj internacia moderna pentroarto kiujn la artiisto akiris dum sia fekunda vivo.

*Sur la foto de Nives Gajdobranski: Josip Vaništa*

## PAROLADO DE LA TERO KAJ LA ĈIELO

Tiel titoliĝis ekspozicio en Kroata paneŭropa unio (la asocio kutimas uzi sian nomon ankaŭ en latina formo Foedus Paneuropaeum Croaticum) de la 8a de novembro ĝis la 8-a decembro 2007 kiu prezentis fotojn de Katarina Soldić-Vrančić. La artistino naskiĝis en Cavtat en 1948, finis gimnazion en Varaždin kaj diplomiĝis pri la kroata lingvo kaj arthistorio en la Fakultato de Zadar. Pri fotado kiel artmedio Rina okupiĝis nur lastatempe, ekde la jaro 2000, inspirita per la valo Ždrijac en Nin. Ŝi mortis ĉi-jare en Zagrebo. Neniam ŝi nomis sin artisto, ŝi opiniis ke la artisto estas la naturo kaj ŝi nur havas la okulon kiu tiun belecon vidas.

Esperanton ŝi lernis en Gimnazio Varaždin ĉe Zdenka Ivek kaj proksimis al la lingvo la tutan vivon kiel la edzino de nia membro D-ro Josip Vrančić.

La kolekton de ŝiaj fotoj per kiuj ŝi, soliĝante kun la fotilo en la mano, kaptis kiel dokumenton pri brileco de mikrokosma mondo ĉirkaŭ si, la familianoj ame konservis kaj dividis kun la zagreba publiko.

*S. Štimec*







## GAŠPAR BOLKOVIĆ-PIK EKSPOZICIIS EN *GALERIO KLOVIĆEVI DVORI*

*Galerio Klovićevi dvori* prezentis de la 15a de majo ĝis la 17a de junio 2007 kroatan pentriston Gašpar Bolković-Pik. Li vivas en Germanio depost la jaro 1969 kaj al la kroata publiko ne estas sufiĉe konata. Li naskiĝis en Rab en 1929, lernis en Šibenik kaj Zagreb, diplomiĝis en Akademio de pentroarto en Zagreb ĉe Ivo Režek kaj specialiĝis ĉe Marijan Detoni. Li instruis pentroarton en Petrinja, Zagreb, Čakovec, Varaždin, kreante altan estetikan guston de siaj lernantoj, instigante ilin ilustri siajn proprajn kalendarojn, vidi arbarojn, internojn de maŝinoj, batalojn de kokoj ... kion ili, samkiel lian specifan pedagogian stilon, ĝis hodiaŭ memoras.

Turoj kaj reflektiĝoj estis la titolo de lia unua ekspozicio en 1959, in Zagreb, Beograd, Rab. Tiuj liaj turoj de Rab kaj ties reflektiĝoj influis lian tutan vivon, eĉ tiam kiam li ŝanĝis Rab por Varaždin kaj ĝin por Ravensburg. Liaj pentraĵoj plenaj je esprimplenaj eksplodigaj koloroj igas lin grava kontribuanto al la nuntempa kroata pentroarto. Kun plezuro *Tempo* diskonigas liajn kaj niajn turojn en la jaro kiam Akdemio de pentroarto en Zagrebo festas sian centjariĝon.

*S. Štimec*

# ZAGREBO 2007 TEATRE





*Sur la fotoj el la oficiala arkivo de Histrion-hejmo: la direktoro Zlatko Vitez antaŭ la domo kaj Vida Jerman en sia nova zagreba rolo.*

## NOVA ZAGREBA PROFESIA TEATRO HISTRIONA HEJMO

En la jaro 2007 unu miliono kaj kvincentmil da spektantoj vidis en Kroatio ses mil teatraĵojn kreitajn de 31 profesiaj teatroj, el kiuj 16 en Zagrebo, krome en Rijeka, Split, Osijek, Varaždin. Al la profesiaj teatroj helpas flegi teatran kulturon krome pliaj 40 teatraj trupoj (inter kiuj ankaŭ *Ponto* kies arta direktoro estas la subskribinto de tiu-ĉi artikolo, aktorino *Vida Jerman*.) Okaze de la *Internacia tago de teatro*, la 27-an de marto 2007 estis malfermita *Histriona hejmo* ĉe la adreso Ilica 90. *Aktora trupo Histrion* estas la nomo de tiu teatra ensemblo kiu, post tri jardekoj da vagado, ricevis sian konstruaĵon - sian hejmon. (La vorto *histrion* venas de latina nomo signifanta aktoron-danciston).

La ensemblo fondita de elstara kroata aktoro *Zlatko Vitez* (kaj iama ministro pri kulturo) dum la unua jardeko navigadis ŝipe tra Adriatika maro alportante la teatraĵojn al la lokoj, kiuj neniam renkontis teatran esprimon. Dum du jardekoj la *Histrion*-trupo prezentis somere subĉiele en la zagreba Opatovina sian *Histrion-someron*. Ĉi-jare Urba oficejo pri edukado, kulturo kaj sporto pagis 30 milionojn da kunaoj por ke la vagantaj aktoroj ricevu sian zagreban hejmon.

Mi havas la honoron partopreni en la nova ĉi-somera projekto de *Histriona* trupo en la teatraĵo *Zagreba orkestro*, reĝisorata de Dražen Ferenčina. Temas pri adaptaĵo de la franca komedio *Virina orkestro* de Jean Anouilh, adaptita al la nuntempa zagreba situacio kiam la malnovan dignan kafejon transprenas nova propranto, kaj en la loko kie oni antaŭe prezentis klasikan muzikon nun eĥas la sengustaj turbofolk-komponaĵoj. Anstataŭ malnovaj decaj gastoj venas suspektindaj uloj. La arto kaj la kulturo al kiu la muzikistinoj dediĉis sian tutan vivon nun malaperas, ĉar ili ne estas profitdonaj.

Pli ol 700 spektantoj ĝuis dumsomere ĉiuvespere en la aktorado de la ensemblo. Nun la teatraĵo allogas publikon al la nova *Histriona hejmo*.

***Vida Jerman***

## ZAGREBA LEKSIKONO PRI ESPERANTO




Grava eldonaĵo pri Zagrebo en la kroata lingvo *Zagreba leksikono/Zagrebački leksikon* traktas la temon Esperanto sur trikvarono de la paĝo 202 per la ero *Esperanto-societoj /Esperantska društva* donante al ni imponan lokon inter *Ericsson Nikola Tesla d.d.* kaj *Etnografski muzej*. Kvante la artikolo tute taŭge prezentas nian nemlagrandan centjaran historion.

Estas plezure vidi kiel Esperanto estas profunde enradikigitaj en la vivon de Zagrebo ekde la unua jardeko de la dudeka jarcento. Ni plendis al la redakcio nur pri unu ero: ĝi konsideras ke Studenta Esperanto-Klubo estas la plej aĝa societo en Zagrebo kaj kiel adreson de SEK, KEJA kaj Esperanto-Societo *Bude Borjan* indikas nian malnovan adreson en Amruševa 5. Ni esperas vidi korektitan tekston en la estonta dua korektota eldono de tiu prestiĝa leksikografia eldonaĵo pri nia ĉefurbo redaktita de Josip Bilić kaj Hrvoje Ivanković kaj la ĉefa plenumredaktoro Ozana Martinčić.

*M. Žeželj*



## ETNOLOGIA ESPLORO DE ESPERANTA KOMUNUMO

*Hrvoje Jerković*, stu-dento pri etnologio en Filozofia fakultato de Zagrebo, proponis al sia profesoro Sanja Potkonjak kadre de siaj etnologiaj esploroj priesplori Esperantan komu-numon okaze de ties centjariĝo. La temo estis akceptita. Li vizitis nian ejon plurfoje kaj intervjuis kelkajn personojn kaj fotis nin por la bezonoj de sia laboraĵo pri Esperanto.




## PUPTEATRA INTERNACIA FESTIVALO - PIF FARIĜIS 40-JARA

Internacia Kultura Servo, la zagreba kulturcentro kiun en 1972 fondis membroj de Studenta Esperanto-Klubo (Zlatko Tišljar- Pajo, Spomenka Štimec kaj Ruža Grujić) en la Esperanta sidejo en Amruševa 5, profesiigante la laboron pri Esperanto, atingis belan jubileon: la pupteatra festivalo Pupteatra Internacia Festivalo, kiun lanĉis SEK en 1968 kaj kiun kreskigis IKS jen atingis eĉ sian 40-an jubileon! Ĉi-jare elstaris PIF en la teatra vivo de Zagrebo. Esperantisto Ivan Špoljarec havis fotoekspozicion sub la titiolo *Pupo-homo-PIF* en *Galerio Badrov* de la 28-a de aŭgusto ĝis la 5-a de septembro 2007 kaj enkondukis PIF kiu daŭris ĝis la 6-a de septembro. Denove estis atribuitaj la premioj lanĉitaj de esperantistoj: *Premio Tibor Sekelj* (por la plej homama pupteatra mesaĝo) kaj la *Ĉefpremio Milan Čečuk*, kiu portas la nomon de la homo kiu edukis SEK-anojn pri pupteatro. Ĝin gajnis *Stuffed Pupteatro* el Nederlando.

Jen SEK lanĉis al Zagrebo la kulturan festivalon kiu montriĝis la plej vivipova zagreba festivalo: nuntempe, kiam pasis jardekoj, PIF estas la plej malnova zagreba festivalo!

Ne estas multaj lokoj de la mondo en kiuj esperantistoj estas tiom profunde enradikiĝintaj al la kultura vivo de siaj landoj kiel en Zagrebo.

Judita Rey Hudeček, studanta esperantologion en Universitato Adam Mickiewicz en Poznań, prezentos en 2008 , kadre de la fako pri interkulturo ĉe prof. Zbigniew Galor, seminarian laboraĵon pri la kontribuo de IKS al la kroata kulturo.



# ĈU VI VOLAS AĈETI EL NIA LIBROSERVO?










**50 kn** **40 kn** **40 kn**

**Bonvolu antaŭvidi aldonajn poŝtkostojn!**

# ĈU VI VOLAS PRUNTI EL NIA BIBLIOTEKO?










## ESPERANTO-KROATA VORTARO EN INTERRETO

Firmao *Taktika Nova* informis nin ke ĝi lanĉis Esperanto-kroatan Vortaron en Interreto.Bonvolu viziti: *http//www.taktikanova.net/eohhome.* Por senpage uzi ĝin bonvolu noti: Korisnik: taktika. Lozinka: nova. Se vi deziras propran pasvorton por uzado bv. kontakti *marketing@taktikanova.hr.*

AdE

## AKADEMIO DE ESPERANTO SEN KROATA MEMBRO

Kiam Akademio de Esperanto - AdE en 2007 elektis trionon de siaj membroj *Spomenka Štimec,* akademiano el Kroatio, ne plu rekandidatiĝis por membreco en la Akademio. Tiel nia lando en la nuna Akademio de Esperanto ne havas sian membron.

*S.Š.*

## *TEMPO* – REKOMENDITA LEGAĴO POR GEINSTRUISTOJ

Mia edzino estas instruistino. Mi kun intereso foliumis ŝian Planilon, kiu helpas al ŝi plani siajn laborsemajnojn de instruado. Kaj kion mi trovis en la listo de literaturo kiun oni rekomendas al instruistoj por vastigi iliajn konojn? Inter aliaj indaj legaĵoj oni proponas *Tempon* – organon de Kroata Esperanto-Ligo. La eldonisto de tiu valora eldonaĵo por instruistoj estas *Znamen,* firmao registrita por eldonado, komerco kaj servoj en Zagreb *www.znamen.hr.*

***Faruk Islamović***

# AMIKINOJ MIAJ

La infanaĝon mi pasigis ĉe la geavoj.
En nubskrapulo 16-etaĝa
ludante en la korto kun ciganaj knabinetoj
loĝintaj en eta ĉifita domo apude.
Ruziaj, Zurifeta, Nurkaj,
estis iliaj antaŭnomoj.
Ĉiutage ni arigadis sur la manojn kaj kolojn
amason da plastaj perloj
kaj frotadis sur niajn feblajn palpebrojn
la aron de ĉi briletantaj ŝminkoj.
Ili havis tiomajn plaĉajn aĵojn
kaj ĝenerale, sciis kion ŝatas nuntempaj virinoj.

Ĉe ili oni bone vivis:
matene ili elportadis grandan kovrilon en la korton,
eksidis sur ĝin, manĝis akvomelonon kaj kriis ion
en sia lingvo.
Tiam muziko, tirharmoniko,
kanto kaj danco
ĝis longe en la nokto.
Ni infanoj
kutimis rondkuri kaj kriĉi
kun krustiĝintaj verdaj nazmukoj subnaze
ĝis kiam, iom antaŭ la noktomezo
komenciĝis pafado desur la unua najbara balkono.
Estis mia avo kiu pafis,
en ŝtrumpoj kaj piĵamo,
el sia fajne polurita ŝrotpafilo
ĉar li ne toleris malordon
de eĉ ne unu el la vivsegmentoj.

Tuj post kiam mi ekiris en la lernejon
mi alkuris dum iu somera feriado
rekte en nian korton
kaj tie ankoraŭ staris
Raziaj, Zurifeta, Nurkaj
sed nun kun etaj envolvaĵoj enmane.
La salivo plu pendis el iliaj nazoj
kaj ankoraŭ plu ili vestadis maldekstran ŝuon
sur la dekstran piedon.
Sed tion oni ne plu konsideris
kaj ni ne plu povis esti amikinoj
ĉar ili fariĝis patrinoj.

**Tatjana Gromača**
El la kroata: Ivo Borovečki



*Amiko de Dino Islamović (Fotis: Faruk Islamović)*



## Zlata Flego (1922-2007)

Zlata Flego mortis en Zagrebo la 15-an de septembro 2007 estante 86-jara. Ŝi naskiĝis en Volosko en 1922. Ŝia kontribuo al la kroata Esperanta komunumo (kaj la internacia) estis impona. Energion por Esperanto ŝi ne bedaŭris, ekde kiam ŝi, kiel 15-jara lernantino, ricevis la unuajn prilingvajn lecionojn de D-ro Ivo Lapenna en la kurso en kiu lernis iom malpli ol cent homoj. Pri Lapenna ŝi lasis al ni unike vervan dokumenton en *Eseoj memore al Ivo Lapenna.*

Kiel 18-jara knabino ŝi estis kondamnita al la morto, pro sia politika engaĝiĝo, sed ŝi saviĝis, kune kun siaj amikinoj.

Postmilite, ŝi estis inter tiuj kiuj konstruis Esperantan organizaĵon en Kroatio. Profesie ŝi estis ĵurnalistino (kaj nia foto montras ŝin dekstre ĉe la flanko de Julio Baghy en 1961 dum kunsido de ĵurnalistoj ĉe la Universala Kongreso en la brita Harrogate). Kiel ĵurnalistino ŝi laboris en *Vjesnik, Naprijed, Kerempuh.* En profesiaj rondoj ŝi ĝuis fakan respekton. Ne multe ŝi akcentadis ke ŝi estis gajninto de nacia ĵurnalisma premio en 1957. En la revuo *Žena / Virino*, kie ŝi postenis, ŝi publikigis Esperantan kurson. En la redakcioj kie ŝi laboris ŝiaj kolegoj konis la fenomenon Esperanto, kiun ŝi ĉiam defendis argumentite, kiel ŝi lernis de Lapenna.

Esperantan redaktan laboron ŝi faris por *La Suda Stelo* 1948-1950.

Klera, entreprenema kaj fantaziriĉa ŝi estis la animo de Internacia Esperanta Teatro, kiun en la sesdekaj gvidis el Parizo ŝia frato Srđan Flego. Ŝi engaĝis kaj kunordigadis la teamojn de kroataj geaktoroj kiuj surscenigis dum pluraj UK-oj diversajn verkojn el la kroata kaj internacia dramaj repertuaroj: Eta Bartolazzi, Boris Buzančić, Fahro Konjhodžić, Drago Krča, Fabijan Šovagović, Ivica Vidović, Mira Župan, Silva Fulgozi, Ljubica Jović, Zdenka Heršak, Inge Appelt, Emil Glad, Ivo Fici, Franjo Majetić, Ivo Rogulja, Miroslav Supanc, Krešimir Zidarić, Mato Ergović, Ljiljana Gerner, Draga Milivojević, Angel Balašev kaj Vlado Kovačić.

Tiuj plej elstaraj kroataj geaktoroj estis partneroj de Srđan kaj Zlata Flego en la granda projekto de Internacia Arta Teatro kiu portis sur la scenejojn de la Universalaj Kongresoj verajn aktorajn dramojn, dignaj de la Zamenofa lingvo kaj ne unuakataĵetoj. Mladen Šerment komprenis la valoron de la teatra laboro dum UK kaj ligis ĝin ekde 1959 al junularo. Zlata estis multflanka: ŝi zorgis pri tradukoj de tekstoj, teatraj provludoj, horaro, kostumoj, reflektoroj, pasportoj kaj la neekzistanta poŝmono. Nur unu el ŝiaj tradukoj konserviĝis presita en *Antologio de kroataj unuaktaj dramoj* (*Reveno* de Srđan Tucić).

Membro de Esperanto-Societo *Bude Borjan* kaj dum unu mandato vicprezidanto de Kroata Esperanto-Ligo, malavara kontribuanto por nia estonta ejo en Vodnikova, jen la vigla Zlata Flego kies loko en nia komunumo nun vakas.

Familianoj dankis al ŝi ĉe la entombiga ceremonio, recitante la versojn de ŝia plej ŝatata kroata poeto Silvije Strahimir Kranjčević kaj mem surpriziĝis kiam le membro de Socialdemokrata partio dankis al ŝi ĉar ŝi kun Ivica Račan tiun partion kunfondis. Pri sia politika aktiviĝo ŝi ne laŭtis.

*S. Štimec*

# ADIAŬ AL NIAJ MEMBROJ FORPASINTAJ EN 2007

***Dum la jaro 2007 ni perdis plurajn niajn valorajn membrojn. Fine de la jaro ni adiaŭas de ili ĉiuj dankante pro ilia kontribuo al nia kara Esperanta komunumo.***



## Danko Rehorić (1927-2007)

En majo, la 7-an, forlasis nin Danko Rehorić, la homo kiu apartenas al la unua generacio de kroataj denaskaj esperantistoj. Pri lia esperantistiĝo zorgis lia patro Zvonko Rehorić. Al ili ambaŭ ni omaĝas per la poemo pri *Tri avinjoj*, esperantigita de Zvonko Rehorić el la ĉakava dialekto de la kroata lingvo, la dialekto kiu vivas en la urbo Rijeka, kie Esperanto atingis sian centan jaron en la jaro kiam Danko Rehorić mortis. Jen li sur la foto de kursgvidanto en la kvindekaj jaroj, kiam la Esperantaj kursoj en Amruševa aspektis tiel amase.

Per lia infana buŝo la kroataj esperantistoj la unuan fojon ricevis la plezuron aŭskulti la aŭtentikan infanan Esperanton en ties plena sukceco. Restis la anekdoto el lia knabeta vivo, kiam li vizitis iun Esperantan zagreban hejmon kaj oni proponis al li aŭskulti la tiaman grandan inventaĵon – radion kaj la lerta knabo rebatis: *oni ne diras* **ra***dion, oni diras: ĉu vi ŝatus aŭskulti ra***di***on*. Li metadis la akcenton al la ĝusta silabo.

Rehorić finis studojn pri naturscienco kaj laboris en la zagreba scienca instituto *Ruđer Bošković*. Li kontribuis multe al evoluo de Esperanta societo *Bude Borjan* ĉu kiel kursgvidanto aŭ preleganto kaj multe meritiĝis pri la funkciado de Esperanto-Societo de *Zagreba Elektra Tramo*.

Universala kongreso de Esperanto en Zagrebo en la jaro 1953 al li ŝuldas sian kongresan simbolon.



## Dragan Barac (1937-2007)

D-ro Dragan Barac, doktoro-fizioterapiisto, mortis la 19-an de novembro 2007 estante 71-jara. Laboris en Čateške Toplice. Kunfondinto de Studenta Esperanto-Klubo kaj ties prezidanto en 1960 kaj 1961. Pensiiĝis en la jaro 1994. Komitatano de *Bude Borjan* de 1955 kaj redaktanto de bulteno de SEK. Li estis sekretario de Kroata Esperanto-Ligo en 1961.

Al la laboro de Esperanto-Societo *Bude Borjan* li kontribuis laste en 2006 per programo honore al granda kroata poeto el Bosnio kaj Hercegovino, Nikola Šop, al kiu li ekparencis per edziĝo al Zdravka Barac.

## Tomislav Karlović (1924-2007)

De post la 27-a de aprilo 2007 ne plu estas kun ni Tomislav Karlović, unu el la fondintoj de Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj, kies 35-jariĝon li festis kun ni. Li naskiĝis en vilaĝo Sirač la 8-an de novembro 1924. Kiel 10-jarulo li perdis vidkapapablon, aktivinte eksplodaĵon kaj per tio komenciĝis lia lernado en Blindulinstituto. La brajla skribo malfermis al li novan mondon. En 1941 revene al naskiĝregiono, li difinis sin kontraŭfaŝisto. Li multe kontribuis al fondiĝo de blindulaj organizaĵoj post la Dua mondmilito en la region de Daruvar. Matene li laboris en Laborejo pri produktado de brosoj kaj vespere studis. En Metiista blindullernejo li lekciis pri telefonteknikoj kaj poste pri historio kaj sociscencaj objektoj kaj pensiiĝis kiel instruisto en Buroteknika mezlernejo por blinduloj. Eklerninte Esperanton kiel 13-jarulo, li fidelis al ĝi ĝis la lasta vivtago. Li laboris ne nur por KUNE, sed ankaŭ internacie: dum unu mandato li estis prezidanto kaj vicprezidanto de LIBE - Ligo, Internacia de Blindaj Esperantistoj. Li verkis kroate kaj siajn librojn prezentis en diversaj lernejoj, informante pri Esperanto. Lia aŭtobiografia romano *La dua vivo/ Drugi život* enhavas plurajn paĝojn dediĉitajn al lia vivo kun Esperanto.

*Antun Kovač*



# Pensoj pri nia strategio

Por ke la struktura laborado de Universala Esperanto-Asocio trafu fari el la pedagogio ne nur ilon sed seriozan laborejon, ni devas daŭrigi komencitan instaladon de tri karakterizaj bazoj, kiuj donu al Esperanto unikan identigeblon kiel novtipa laborilo:

a) ponta tradukado
b) interliteraturo
c) prinorma intertraktado

Sub a) mi komprenas almenaŭ la kroatan modelon proponadi al retradukemaj alilingvanoj esperantigojn de nacilingvaj tekstoj.

*D-ro Probal Daŝgupta*
Prezidanto de UEA en *Esperanto-Revuo*, decembro 2007




**Esperanta traduko de Maja Tišljar 1998**




**Japana traduko de Sekoguchi Ken 2005**



**Persa traduko de Achtar Etemadi 2005**



**Bengala traduko de Probal Daŝgupta 2006**



**Vjetnama traduko de la teamo 2008**



**Ĉina traduko de Shi Chengtai serĉas eldonejon**



**Korea traduko de Ombro Jang serĉas eldonejon**



**Via lingvo?**

***Feliĉan Kristnaskon!***
***Feliĉan Novan Jaron 2008!***